# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tut-**  **mondaj interesoj katolikaj**

**Oficiala Organo de „Internacio Katolika“ [Ika], de „Mondjunularo Katolika“ [Moka]**

**Numero 8/9, 1924 | Graz, Aŭstrio | Aŭgusto/Septembro | IV. Kolekto No 6/7**

## Letero de Lia Kardinala Moŝto Bourne, Londono, pri la Ika-kongreso

L. K. M. Bourne, arĥepiskopo de Westminster, okaze de la kongreso sendis tre signifan leteron al Msro. Bacciarini, honora prezidanto de la kongreso. Aliajn leterojn, precipe tiun de L. K. M. **Pompili, Kardinala Vikario de Romo,** ni publikigos estonte. La letero de. L. K. M. Bourne, estas tradukite:

**Arĥepiskopa domo**
**Westminster SW.** Lunde, 4a aŭgusto 1924

**Lorda Moŝto,**

**Mi sincere esperas, ke la Internacia Kongreso Katolika okazanta sub via protektorato en Lugano, montros realan valoron, antaŭenpuŝante la praktikan kunlaboradon inter la katolikoj por defendi nian sanktan religion kontraŭ la potencoj de l' eraro kaj por disvastigi inter ĉiuj nacioj la spiriton de amo kaj fideleco al la moralaj leĝoj, sen kiuj la paco estas nur vana revo.**

**Koncerne la aplikadon de la principoj de internacia kristana leĝo al la reciprokaj interrilatoj de la ŝtatoj, kion la kongreso volas pristudi, estas nia opinio, ke la katolikoj devas admoni siajn registarojn, ke ili plene uzu — kiom malperfektaj ili estas — la organojn de la Ligo de Nacioj, por kies plilarĝiĝo kaj perfekteco ili preĝu kaj agadu, precipe postulante, ke la Sankta patro, kiel gardanto de la publika kaj privata moraleco estu dece konsultata kaj rekonata ĉe ĉi tiu institucio.**

**Mi ĝojas, ke anglaj katolikoj kunlaboras kun via Lorda Moŝto en bona efiko de tiu ĉi kongreso, precipe la delegitaro de nia antaŭ ne longe fondata „Katolika Komitato por Internaciaj rilatoj“, en kiu la plejmulto de niaj katolikaj societoj estas reprezentataj . . .**

**Mi restas, Lorda Moŝto, via obeema servanto en I. K.**

**p. m. Francis Cardinal Bourne**
Abp of Westminster

# La kongreso de Lugano

**La saluto de Lugano.**

Profundblua ĉielo gajege ridetas, kvazaŭ la firmamento malfermiĝus kaj la senfunda lumblua okulo de la Dia Majesto malsuprenvidus.

Ho, tio estas la saluto de la bela Lugano, la reĝino de Tiĉino, la brila juvelo de la ĉarmega svisa lando.

Ĉi tiu bela urbo mondkonata ĝoje, gastege akceptis la kongresistojn, alvenantaj de preskaŭ ĉiuj landoj de Eŭropo. Sed ili ne kunvenis eble por „kongresi“, ne al riĉaj banketoj, ne al senfinaj toastoj, ne al vortoriĉaj demonstracioj . . . Ili kunvenis al solena festo; korinterna fajro instigis ilin al tiom oferplena vojaĝo. Jes, sanktaj, solenaj festotagoj estis la kongrestagoj de Lugano. La spirito de universala frateco unuigis ĉiujn al unu granda familio, gvidata per zorgema patro kaj pastoro, Msro Bacciarini, Apostola Administratoro en Lugano. Eĉ ne unu disonanco estis en la bela harmonio de tiuj gracoplenaj tagoj . . .

Nun flugu for, ho fajra; vortoj, flugu tra la tuta mondo katolika; nun ekflamu sanktaj flamoj en la koroj de milionoj, por ke realiĝu pli kaj pli la Suverena Regno de Jesu-Kristo en la homara societo, tiom ege dezirata per la kongresistaro, frate kunigita en Lugano!

Dankon diru ni humcile al la Bona Dia Patro, kiu riĉege donis al ni sian superfluan gracon!

**La kongreso de Lugano sendube estas decida paŝo en la Ika-movado. La unua periodo de fondiĝo finiĝas, ekkomencas la periodo de la realiĝo. Videble Dio estis kun ni. Al Li estu danko kaj gloro kaj ĉiu triumfo en ĉielo kaj sur tero.**

**Familia kunveno unua.**

La antaŭtago de la granda festo de la Sta Virgino. En malgrandaj grupoj aŭ unuope alvenas la kongresistoj. Ĉiuj tuj ricevas siajn loĝejojn; nenia plendo! Vespere ili unue kunvenas en la ĉarma ĝardeno de hotelo „Adler“, kie troviĝis la „ĉefkvartiro“ de la kongreso. Oni sin salutas; oni babilas, oni rakontas, ĉio senĝene, ĉio sen iu ajn oficiala parolado . . . vere amikeca rondo. Tro frue la kruela nokto nin disigas.

**La malferma festo.**

Matene je la naŭa; la granda festtago de la Sta Virgino. La malnovaj sonoriloj de la Katedralo de „San Lorenzo“ eisendas siajn solenajn preĝalvokojn tra la feste ornata urbo kaj de la deklivaj rokmuroj resonas la misteraj eĥovoĉoj multoblaj. Sursum corda! Al Dio eklevu la korojn! . . .

La pontifika meso komenciĝas. Post la sankta Evangelio Lia Episkopa Moŝto, Msro Bacciarini, vestita per la episkopa festornato, iras en la mezon de la katedralo kaj alvokas kun voĉo de fajra profeto la ĉeestantaron: Estu apostoloj de la paco! Kaj fine de la meso abato dro Mack, direktoro de la episkopa Seminario de Luxemburg en franca kaj germanaj noblaj klopodoj estu koronataj de la plej bela sukceso.

## Aperos en sekvontaj numeroj:

**La gazetaro katolika** de Msro dro **Waltz**, episkopo de Feldkirch
**La katolikoj kaj la Ligo de la nacioj** de Sro Eppstein, Anglio
**La milito kaj lakatolika doktrino** de R. P. Stratmann, Germanio
**La nacia kaj internacia devoj katolikaj** de P. P. Ivres de la Brière, Paris
**La Papa Internaciismo** de Prof. Carbo, Barcelona
**kaj aliaj gravaj raportoj de la kongreso en Lugano.**

# Ho apostoloj de la paco!

Festprediko de L. E. M, Bacciarini en Lugano *)

Katolikaj kongresistoj! Miaj fratoj en Jesu-Kristo kaj apostoloj de la paco! Mi estas ĝoja de saluti vin kun la tuta ekzaltado de mia koro; saluti vin en tago, dolĉa kaj solena, dediĉata al la Madono, reĝino de paco; saluti vin ĉi-tie en ĉi-miljara katedralo, super kiu ne furiozis la uragano kruela de la mondmilito, kiu en niaj animoj nutris kiel ne estingebla flamo, la spiriton de la paco.

Mi aplaŭdas viajn intencojn! Ne necesas diri al vi, profunde konantaj la spiriton de popoloj, kiom altajn sulkojn de disiĝo de la milito fosis inter la nacioj.

La plumbo de la kanonoj disrompis la kampojn, la herbarojn; ekstermis la arbarojn: sed ĉi tiuj disŝiritajoj malaperis kun la tempo; sur la kampoj novkreskas la rikolto, sur la herbaroj rinaskiĝis la floroj kaj en la disfenditaj arbaroj ree verdiĝas arbetoj.

Ne tiel tamen okazis kun la vundoj, kiujn la nacioj batis unuj al aliaj per la abomeninda milito: ĉi tiuj vundoj restas ankoraŭ malfermaj, ke de tie gutas la malamo, gutas la rivaleco, gutas la avideco, tiel ke ses jaroj post la neaŭdita konflikto oni ne ankoraŭ povas diri de vera paco inter la civilizaj nacioj.

Doloriga konstato, plenumanta l'animon da humileco kaj malĝojo, des pli multe, se oni pensas al la grandanimaj klopodoj patraj de la Papo, patro de ĉiuj, por revoki la popolojn al pli saĝaj intencoj.

Vi, kongresistoj katolikaj, vi proponas al vi, kun fajro kaj admirinda impeto, **fariĝi apostoloj de la ideoj de la Sankta Patro, apostoloj de la paco de Kristo,** en kiu estas la reviviĝo kaj vivo de la nacioj, vundbatitaj en la radikoj de sia ekzistado.

**Bona intenco via, noblaj kongresistoj, kaj mi ĝin aplaŭdas per la tuta entuziasmo de mia animo kaj de mia koro.** Tie-ĉi oni devas ripeti *„Quam speciosi pedes evangelizantium pacem“*. Kiom belaj kaj multvaloraj kaj altlaŭdataj per la Evangelio estas viaj paŝoj, kiujn vi faras por disvastigi en la mondo la regnon de la paco kaj de ĝiaj nekompareblaj bonfaroj.

Se mi povas en ĉi momento reprezenti — se ankaŭ en tre malinda maniero — la Eklezion de Dio, mi vin dankas en ĝia nomo por la agado, al kiu vi estas venintaj grandanime; kaj en ĝia nomo mi elpreĝas de la ĉielo centfojan gracon.

Kaj al la vortoj de aplaŭdo mi aldonas la vortojn de plej arda bondeziro, por ke viaj noblaj klopodoj estu koronataj de la plej bela sukceso.

Certe la malfacilaĵoj, kiuj kontraŭstaras al via luma vojo estas plej grandaj, precipe se vi pripensas, ke la unua kaj plej profunda radiko de la nuna situacio de la popoloj estas la forlaso de l'Evangelio kaj de ĝiaj sociaj principoj, kaj la reveno al la Evangelio estas pli Dia ol homa efiko.

Tamen oni devas konfidi. Oni devas konfidi, ĉar Dio igis resanigeblaj la popolojn. Oni devas konfidi, **ĉar la tasko estas sankta kaj sanktaj la intencoj** kaj la mano de Dio ĉiam apogas la brakon de tiuj, kiuj laboras por lia gloro, lia eklezio, por la civilizacio kristana de la popoloj.

Oni devas konfidi, ĉar vi, noblaj kongresistoj, havas ilon, kiun la politikaj konferencoj ne havas, nome ĉi tiun, kiun granda Doktoro de l'eklezio, sanktulo de la Sinjoro, nomis la grandan ilon de la preĝo.

*„Nisi dominus aedificaverit domum, in vanum laborant qui aedificant eam“*: Kaj la historio estas la viva kaj plej aktuala sperto, kiu ĝin konfirmas en ĉiu paŝo.

Do vi bone faris, Katolikaj kongresistoj, ke vi komencis vian agadon per la preĝo al Dio, eĉ per la Sankta Meso, la renovigata ofero de nia redempto, kiu elverŝas siajn benojn *„ab ortu solis usque ad occasum“* de unu fino al l'alia de tiu dolorplena terrondo . . .

*) Dum la solena pontifika meso Msro Bacciarini alparoladis la kongresistojn per jena prediko, laŭvorte tradukata.

# Nova adreso

**por Internacio Katolika (Ika)**
**por Katolika Mondo (K. M.)**
**por Kongreso**
**por Ika-Eldonejo (IKE)**
nur

## Zug, Svislando

**Ĉiuj demandoj, mendoj, enpagoj por Ika, Katolika Mondo kaj IKE estu nur sendataj al Ika, Zug, kie de nun troviĝas la administracio kaj redakcio.**

mana predikoj entuziasmigas nin . . . Jen gravaj vortoj liaj: „Ni ne estas sufiĉe kristanaj, ĉar ni ne estas sufiĉe katolikaj, t. e. universalaj; ni ne estas sufiĉe katolikaj, ĉar ni ne estas sufiĉe papaj, ne obeante liajn admonojn".

Post la Diservo la kongresistoj, gvidataj per Lia Episkopa Moŝto mem iris al la „Municipio", kie okazis la solena malferma kunsido, prezidata per Lia Episkopa Moŝto Bacciarini. Nome de la loka organiza komitato unue salutis la ĉeestantaron Msro Antognini, prezidanto de la loka komitato. Poste Msro. Bacciarini esprimis sian grandegan ĝojon, ke la kongreso okazas en sia episkopa urbo kaj danke akceptis la honoran prezidantecon. Precipe granda konsolo estas la beno de la Sankta Patro, kiu en la laboroj de la kongreso vidas multvaloran kunhelpon por la reveno de la paco inter la popoloj.

Sub granda entuziasmo oni laŭtlegis la telegramon de la Papo, alveninta jam antaŭ tri tagoj:

„Al Msro Bacciarini, Apostola Administratoro, Lugano.

**La Sankta Patro dankas por la omaĝo (honorsaluto) espirimita de vi nome de la direktora konsilantaro de la Internacia Katolika Ligo por la paco. Lia Sankteco al kiu estas elkore karaj ĉiuj iniciatoj celantaj reenkonduki la pacon de Kristo en la Regno de Kristo, benas kun patra bonvoleco la kongreson, kiu estas inspirata de tia programo.**

**Kard. Gasparri".**

Sub la entuziasmaj aklamoj „Vivu la Papo" la kongreso decidis sendi danktelegramon al Lia Sankteco.

### La prezidantaro de la kongreso.

Sekvis la elekto de la kongresprezidantaro kun jena rezulto.

Elektataj estis kiel prezidantoj de la kongreso: Kom. G. de Noaillat, Paray-le-Monial, Francio; Msro Montero, direktoro de „Ora et labora", Sevilla; Sro dro Godehard Ebers, universitata profesoro de Köln, Germanio, Sro Kap. J. Eppstein, prezidanto de Katolika komitato angla por internaciaj rilatoj, Reading, Anglio; Msro Antognini, prezidanto de la loka komitato en Lugano.

Kiel afergvidanta prezidanto: Prof. W. Arnold, Zug; kiel kongresaktuaro: Kan. Nik. Pfeifer, Košice, kiel ĉefsekretario K. Mayr, Zug. Elektataj estis kiel prezidantoj de la fakkonferencoj:

**Gazetara konferenco:** Don Ernesto Vercesi, Milano, dro Doka, Zurigo, R. P. Pechenino, Pisa.

**Konferenco por internacia juro:** Kan. dro Pfeifer, Košice, Rev. dro Mack, Luxemburg; Kav. Nosolini, Porto, Portugal.

**Instruista konferenco:** dr[ino] Fabrizzi, Firenze; dro Weigl, Amberg; dro Rossé Colmar.

**Junula konferenco:** abato Flajollet, Lille; Sro Hanns Sappl, München.

**Komercista konferenco:** dro Rejöd, Budapest; prof. Arnold, Zug.

**Elmigrada konferenco:** grafo Jacini, Milano; dro Kissling, internacia karita sekretariejto, Luzern.

**Pastrara konferenco:** Msro Nazareno Orlandi, Pisa; dro Ehrenfried, Eichstädt; dro Grüner, Praha.

**Esperanto-Konferenco:** dro Hinsenkamp, Essen; prof. Carolfi, Cortemaggiore.

### Salutoj el ĉiuj landoj.

Post la elektado oni laŭtlegis la saluteterojn de multajn eklezioj princoj kaj de famkonataj organizoj aŭ gvidantoj de la katolika agado; ne estas eble ĉi tie eknombri ĉiujn; ni nur mencias la nomojn de la kardinaloj: L. E. M. Kard. Maffi, Pisa; L. E. M. Kard. Bourne, Westminster, Anglio; L. E. M. Pompili, Kard. Vik., Roma; L. E. M. Kard. Cagliero, Roma; L. E. M. Kard. Sili, Roma; L. E. M. Kard. Reig y Casanova, Toledo, Hispsnio ktp.

Fine reprezentantoj de multaj landoj kaj organizoj salutis la kongreson. Per la beno episkopa de Msro Bacciarini finiĝis la bela malferma kunsido.

## La ĉefaj Konferencoj:

Post ĉi tiu solena inaŭguracio, la Kongreso komencis postagmeze siajn traktadojn per la unua ĝenerala kunsido en la salonego de la Instituto Sta Anna, kies estrino plej bonvole disponigis ĉiujn salonojn al la kongreso.

Ne estas eble ĉi tie raporti detale pri la granda nombro de ideoj, iniciatoj, paroladoj de la tuta kongreso. Ni hodiaŭ nur povas resumi ĝeneralan bildon. Tamen ni publikigos pli poste kelkajn plej gravajn raportojn.

La ĉefaj konferencoj alceladis studi kaj klarigi la katolikajn principojn pri paco kaj internacia juro laŭ la aŭgustino — tomasa doktrino kaj pripensi ilian praktikan aplikadon al la nuntempaj problemoj interpopolaj.

1e. Don Ernesto Vercesi, Milano, kunprezidanto de Ika, en programa parolado impona eksplikis la celojn kaj la necesecon de nia Internacia Katolika Ligo: Ne la politikaj aferoj, unusole la komunaj katolikaj, religiaj principoj povas esti solida bazo de efika internacia kunlaborado. Kiel plifrue la enciklikon Rerum Novarum estis la direktilo por solvo de la socia problemo laŭ katolika vidpunkto, tiel nun la encikliko Ubi arcano Dei devas esti la fundamento por solvi katolike la internaciajn problemojn - naciismo kaj internaciismo. Kvankam la eklezio estas la unusola kaj eterna „Internacio Katolika", tamen estas necese speciala helporganizo por disvastigadi kaj propagandi kaj realigi la doktrinojn, kiujn la hierariĥio predikas.

2e. Natura kaj internacia juro laŭ la katolika filisofio, de abato Flajollet, profesoro en Lille: Sub la influo de la humanismo kaj naturalismo, la moderna scienco baziĝis la juron unusole sur la homo, kiel aŭtonoma estaĵo. La juro tamen nur povas fundiĝi je la absoluta estaĵo, je Dio, kie estas kompleta harmonio inter rajto kaj devo. La fundamentaj principoj de la natura kaj positiva juro devas same esti aplikataj al la internacia kunvivo de la popoloj. Do se en privata vivo estas malpermesata ŝteli kaj ravadi kaj subpremi kaj perfortigi kaj mortigi: la samaj principoj devas valori por la Internacia kunvivo de la popoloj.

3e. „La nacia kaj internacia devoj de la katolikoj" de R. P. Ives de la Brière S. J. profesoro en la „Institut Catholique" Parizo (Ĉar la mondkonata scienculo estis malhelpata ĉeesti persone Msro Pfeifer laŭtlegis lian raporton): La natura juro klare montras niajn devojn al la homaro. La kristanismo ilin pliprofundigis kaj klarigis. Pro la progresoj de la homa civilizacio la kontaktpunktoj inter la nacioj estiĝas multnombraj kaj plej variaj. El ĉi tiu situacio devas nature evoluiĝi la laŭjure organizata societo de la nacioj.

4e. La restarigo de la kristana paco per la liturgio kaj la katolika agado, de Kom. G. de Noaillat, prezidanto de la Société du Regne social du Christ, Paray-le-Monial: La paco nur povas esti restarigata, se ĉiuj popoloj kristanaj sin sentas kiel unu familio kun komuna celo restarigi la Regnon de Kristo en la tuta homara societo, precipe ankaŭ en la internaciaj rilatoj de la popoloj. Al ĉi tiu celo la papo estu petata, ke li enkonduku liturgian feston en la tuta eklezio, por ĉiujare prediki kaj soleni la Regnon de Kristo sur la homa societo.

5e. La limoj de la ŝtata suvereneco: Unue pri tio traktis universitata profesoro dro G. Ebers el Köln: la socia instinkto de l'homo devas esti ordigata per la natura kaj morala leĝo. La teorio de la senlima suvereneco de la ŝtato devas produkti la internacian tiranecon kaj ĥaoson.

Aldone parolis pri la sama temo dro Doka, advokato el Zurigo: La kristanismo havas la historian taskon realigi la pli altan moralan unuecon de la ŝtatoj kaj popoloj. La doktrino moderna pri la ĉiopovo de la ŝtato estas la plej danĝera herezo de la nuna tempo.

---

Katolikaj kongresistoj! Antaŭ kiam vi pretiĝas al la laboro, fondu ni nian konfidon je Dio, je la **supernaturaj iloj**, je la Sankta Meso precipe, memorante, ke el la altaroj de la Meso suprenfluas, kiel el la Kalvario, la nemorteblaj esperoj de la promeso de Jesuo: *„Cum exaltatus fuero a terra, omnia traham ad meipsum!"*

Pro tiaj kaŭzoj precipe, kiuj venas el nia kredo, ne estas retora diraĵo la bondeziro, kiun mi dediĉas al vi, noblaj kongresistoj, la bondeziro, **ke via laboro, humila kaj granda, unu tago estu koronata per ĉi tiu triumfo kristana kaj socia,** kiun la glora Pontifiko Pio XI[a] esprimis en la profeta devizo: „la paco de Kristo en la Regno de Kristo."

Kaj por ke mia bondeziro plenumiĝu en sia tuta beleco mi ĝin alkonfidas al la plej potenca Virgino, kiun ni hodiaŭ festas kaj kiun la Sta Bernardo nomas per la triumfa vorto, la restariginon de la jarcentoj.

La Madono, nia patrino, bela reĝino de la paco homara, benu vin, benu la naciojn, reprezentatlaj de vi, benu ĉiujn naciojn, kaj faru, ke ĉiuj popoloj estiĝu unu sola ŝafaro sub unu sola pastoro!

---

### La ĉi-kuna propaganda folio

**„La Ligo ‚Internacio Katolika' (Ika)" estas havebla sur bela blukolora papero por 1 g. m. aŭ 1.20 sfr. por 100 exemplerol. Propagandistoj mendu tuj!**

## Internacia Revuo.

**La reunuiga kongreso en Velehrad:** Plej delikata estas la politika kaj religia situacio en orienta Eŭropo, kie ne nur estas 4 religiaj tendencoj: la ruso-ortodoksa kun centro en Moskvo, la ukraina-ortodoksa („aŭtokefala"-sendependa) unu flanke; aliflanke la reunuigita rutena greko-rita eklezio kaj la romkatolika eklezio; kie ne nur la politikaj aferoj estas fluaj; kie fatale eĉ la najbajraj romkatolikaj tendencoj ne estas unuecaj pro politika rivaleco.

Inter tiom da malfavoraj cirkonstancoj okazis la reunuiga kongreso en Velehrad, kie partoprenis multege da episkopoj ĉeĥo-slovakaj kaj jugoslavaj, fakuloj kaj prefesoroj el preske ĉiuj okcidentaj landoj, plue rusaj profesoroj, ortodoksaj, rutenaj kaj ukraino-aŭtokefalaj. Ĉeestis ankaŭ kiel oficiala reprezentanto de la Papo Msro. Marmaggi, apostola Nuncio en Praha, Ĉeĥoslovakio.

**Notinda estas la foresto de Msro André Szepticky, metropolito de la rutenoj en Galicio (Polio) kaj arĥepiskopo rutena de Lwow, al kiu la pola registaro rifuzis la irpermeson al la kongreso. Aldonu ni, ke la ĉeĥoslovaka registaro rifuzis la irpermeson al Msro Fischer-Colbrie, episkopo de Košice, Slovakio por partopreni al la kongreso en Lugano, kaj vi havos iun malfortan bildon, en kiu stato de libereco troviĝas ĉi tiuj orienteŭropaj nacioj. Estas vera skandalo, ke kristanaj ŝtatoj povas malpermesi al katolikaj episkopoj iri eksterlanden por tie partopreni je katolikaj kunvenoj!**

En ĉi tiu atmosfero, per prudenta oficiala informservo kaŝita al la okcidentaj popoloj, devis okazi la kongreso de Velehrad. Kaj estis necesa vere superhoma prudenteco por eviti akrajn politikajn disputojn dum la konferenco. Tamen sukcesis bone la tuta aranĝo. La ĉefa rezulto certe estis la interkonatiĝo de tiom da diverslingvaj, diverslandaj, diversnaciaj, diversreligiaj homoj: ĉeestis ĉeĥoj, slovakoj, rutenoj, slovenoj, kroatoj, serboj, poloj, rusoj, ortodoksaj kaj katolikaj, kapuceno bulgara, rumanoj de Transilvanio, aŭstroj, angla jesuito, belga pastro, franca delegitaro. Plej multnombraj tamen estis la ĉeĥoslovakoj kaj jugoslavoj, ĉe kiuj disvastigata estas la „apostolato de Staj Cirilo kaj Metodio . . .

Sendube ĉi tiu problemo de reunuiĝo de la disigitaj eklezioj estas **la plej aktuala** de la katolikaro en oriento, tamen ankaŭ la plej delikata kaj malfacila. Des pli multe estas bedaŭrinda, ke tiu, **pure religia problemo** ne estas sufiĉe libera de politikaj rivalecoj inter la katolikoj mem. La intenco, krei en Praha fortan reunuigan centron, estas videbla . . .

# La Ligo „Internacio Katolika“ (IKA)

## Kio ĝi estas — Kion ĝi volas — Kion ĝi atendas de vi?

### Kio ĝi estas?

Ika estas universala organizata movado por apliko praktika de la integralaj doktrinoj kaj ordonoj de la Sankta Katolika Eklezio en ĉiuj internaciaj aŭ interpopolaj rilatoj laŭ la specialaj bezonoj de la moderna tempo.

**La morala fundanto** de ĝia agado estas la eterna, apostola, katolika t. e. universala kredo, kiu senreserve devas esti aplikata precipe ankaŭ en ĉiuj internaciaj rilatoj, laŭ la specialaj admonoj de la lastaj kvar papoj, plej feliĉe resumitaj en la glora encikliko Ubi arcano Dei.

**Specialaj taskoj** de Ika estas i. a.

a) klarigi, diskonigi, apliki la vere katolikajn principojn de kristana paco kaj de internacia juro en la tuta katolikaro.

b) subteni per ĉiuj iloj la internacian kunlaboradon de la katolikoj plej diverslandaj sur la tuta religie-sociala kaj civiliza agadkampo, precipe ankaŭ por krei vere internacian konsciencon katolikan kaj internaciajn instituciojn por ĝin efike validigi.

c) defendi la katolikan eklezion kaj la kristanan civilizacion kontraŭ internacie organizitaj atakoj laŭ la specialaj bezonoj de la moderna tempo.

**Iloj praktikaj** al ĉi tiu alta celo estas i. a.

a) la aranĝo de internaciaj kongresoj aŭ konferencoj por pritrakti antaŭ elita internacia publiko aktualajn problemojn internaciajn de la moderna tempo.

b) la realigo de fakaj sekcioj por specialaj taskoj aŭ specialaj profesioj.

c) La organizado de internacia pojara pacfesto je la kristnaska tempo kiel memortago de l'encikliko Ubi arcano Dei.

d) la internacia Centra Oficejo por iniciatema realigo de la ligtaskoj kaj por internacia helpservo.

e) eldono de internaciaj komunikiloj, gazetoj aŭ revuoj.

f) perfektigo de la Internacia Eldonejo (Ika-Eldonejo) por editi internacie gravajn verkojn.

### Membroj.

Ika havas

a) korporaciajn membrojn, t. e. organizoj aŭ institutoj, kiuj subtenas ĝiajn celojn;

b) individuaj, kiuj estas agadaj, subtenantaj, bonfarantaj kunfondantaj membroj. Ĉiuj Esperantistaj membroj aliĝintaj per si mem estas agadaj membroj.

### La organiza formo

Por la definitiva konstitucio, ellaborota laŭ ĝisnunaj spertoj kaj laŭ projektoj de fakuloj, speciala komisio estas starigata. Tamen jam nun la grandaj linioj estu skizataj:

a) **nacia komitato:** por ĉiu ŝtato estu starigata nacia komitato, kiu direktas memstare la aferojn de Ika en sia lando kaj destinas reprezentanton por la internacia konsilantaro (kunsido ĝenerala);

b) **internacia konsilantaro:** konsistanta el la reprezentantoj de la nacioj, de la internaciaj organizoj aliĝintaj kaj de fakaj sekcioj de Ika;

c) **ekzekutiva komitato,** laboranta en la Centra Oficejo laŭ ĉiama kunsento kun la direktoraro;

d) **la prezidantaro,** kiu reprezentos la Ika-on interne kaj ekstere.

e) **La specialaj sekcioj** (ekz. por la gazetaro ktp.) memstare direktas siajn internajn aferojn interkonsente kun la ekzekutiva komitato.

**Tio estas la granda bildo de nia ligo; ne homoj tiel konstruis ĝin artifike, sed la Dia Providenco, kiu ĝin admirinde gvidis per multaj doloraj vojoj al belega evoluo nuna, mirinde montrata per la lasta kongreso de Lugano.**

### Kaj la praktikaj rezultoj?

Eble tiel demandos skeptikulo! Jes, dank' al Dio, ni jam havas praktikajn rezultojn, se ankaŭ ne tiom videblaj ĝis nun. Tamen unu nevidebla, la plej granda eble, estas la **pionira laboro giganta** por prepari la kampon al internacia agado. Post la milito nenio ekzistis ol ruinoj, ideoj kaj malamoj. El tiuj krudaj materialoj devis esti konstruata la nuna Ika domo, inter multaj internaj malfacilaĵoj, feliĉe nun forigitaj.

Sed ankaŭ videblaj sukcesoj ekzistas: grupoj, naciaj komitatoj, reprezentantoj, delegitoj, direktoroj, membroj, en la tuta katolika mondo! Niaj kongresoj, depost la modestaj konferencoj en Graz, la kongresoj de Luxembourg kaj de Konstanz ĝis la belega kunveno en Lugano, prezidata de du episkopoj, estas vera sukceso, rekonata per la tuta katolika mondo.

Aliaj realaj sukcesoj estas la feliĉa kreo de fakaj sekcioj ekz. por la instruistoj, komercistoj, pastroj, por la gazetaro junularo ktp. . . .

La agado estas enkuraĝigata kaj rekomendita per multaj kardinaloj, arĥepiskopoj, episkopoj diverslandaj.

### Kaj Esperanto?

Senpacience atentita demando! Kaj Esperanto? Jes, Esperanto havas imponan placon en tiu ĉi profunde religia, bela, vere internacia movado!

Aŭdu! Laŭ la fonda statuto Eo estas la oficiala interrilata lingvo de Ika. Do granda idealo, tamen kiel la kunfondintoj kaj nunaj gvidantoj sciis kaj scias, bedaŭre ne tuj, ne rapide, realigebla komplete. Ĉar skribi **nur** en Esperanto por gajni ne-Esperantistojn, oftege nefavoraj al Esperanto, ne sufiĉe konante ĝin, estus malprudenta kaj senracia metodo. Tial depost la unuaj tagoj de sia agado, Ika estis devigata uzi ankaŭ aliajn lingvojn por plenumi sian **universalan** taskon. **Ĉar Esperanto ja estas ilo, certe unu el la plej gravaj, por la fina celo. Kaj per tiu prudenta metodo, kiu ne per forto altrudas Esperanton senescepte al ĉiuj kunlaborantoj, mirinde sukcesis, forigante en multaj oficialaj rondoj la preske neforigeblajn antaŭjuĝojn kontraŭ Esperanto, gajnante eĉ influegajn gvidantojn por Esperanto!**

Do Ika neniam forlasis sian idealon, ke Esperanto kiel interrilata helplingvo internacia estu uzata en la internaciaj rilatoj katolikaj, kvankam la grandaj malfacilaĵoj ekzistantaj ne permesis ankoraŭ komplete realigi tiun idealon!

### Ĉu Ika faris praktike ion por disvastigi Esperanton en la katolikaro?

**Malgraŭ tio estas nediskutebla fakto, ke depost la ekzistado de katolika Eo-movado neniam Esperanto estas kiom multe kaj praktike kaj sukcese uzata kaj propagandata kiom per Ika kaj ĝia junulara branĉo Moka (Mondjunularo Katolika).** Ni ne bezonas mencii la centojn, la milojn da cirkuleroj, notoj, komunikoj, informoj, artikoloj, verkitaj kaj dissenditaj en preskaŭ ĉiujn katolikajn landojn, al la direktoraro, al la delegitoj, al la kunlaborantoj, al la gazetpropagandistoj. Mi nur ripetas tie eltiraĵon el letero al samideano katolika:

Kaj nun? Ĉu la katolika Eo-movado fakte ruiniĝis per kreo aŭ agado de Ika? — Kiam Ika kreiĝis, fakte nur ekzistis kelkaj ruinoj, kelkaj dekoj, kelkaj centoj da amikoj. Ĝis hodiaŭ la Esperantistaj anoj aŭ amikoj de Ika almenaŭ dekobliĝis. Kiam Ika prenis sur sin la eldonon de Katolika Mondo, nur estis kelkaj cent da pagantaj abonintoj. Ĝis hodiaŭ malgraŭ plej malfavoraj cirkonstancoj ili kvinobliĝis. Kiam pro malriĉiĝo multlandaj amikoj ne plu povis pagi abonon, Ika senkoste sendis aŭ sendas la gazeton al multaj kaj prenis sur sin la tutan deficiton de pli ol 1000 sfr., ebligante tiel la daŭrigon de katolika gazeto. Krom

fortranĉu!

PRESAĴO

Al la

# Centra Oficejo de Ika

Esperanto-Sekcio

Svislando Zug

**tio Ika kune kun Pauluseldonejo disdonis aŭ disvendis dum tri jaroj proksimume 3000 Eo-preĝlibrojn, 7000 lernolibrojn, 9—10 000 broŝurojn esperantajn aŭ poresperantajn, 40—50 000 flugfoliojn esperantajn aŭ poresperantajn. Kaj se hodiaŭ Eo ankaŭ kelkfoje estas ŝatata en oficialaj rondoj, Ika per sia praktika aplikado de Eo certe al tio kunhelpis.**

Se neniaj aliaj rezultatoj estus atingataj ol ke Katolika Mondo dum plej malfavoraj jaroj daŭre aperis, ke Katolika Preĝlibro eliris, ke multaj aliaj propagandiloj estis disdonataj en la tuta mondo, ke multaj novaj amikoj estas gajnataj en tri terpartoj, ke grupoj kreiĝis, ke Eo-konferencoj sukcese aranĝiĝis dum la Ika-kongresoj, tio jam estus multege, se ni pripensas la financan ruiniĝon de tuta meza kaj orienta Eŭropo, kiu preskaŭ malebligis seriozan laboron.

## Kaj la Ika-kongresoj?

Ni ne hezitas konfesi, ke dum la Ika-kongresoj Eo estas ĉiam ankoraŭ tro malmulte uzata. **Sed kiu estas kulpa je tio? Ĉu Ika?** Ho ne! Sed unuflanke la nunaj cirkonstancoj, kiuj al la katolikaj Esperantistoj — plejmulte malriĉaj — ne permesas personan partoprenon pro financaj malhelpaĵoj. Aliflanke tamen la **katolikaj Esperantistoj mem,** kiuj ne sufiĉe profitas de tiu favorega okazo de internacia kongreso katolika por propagandi Esperanton. Ĉar paroli en Eo ĉe kongreso, kie la granda plejmulto ne estas Esperantistoj estus senracia kaj havus nur kontraŭan rezulton. **Do la sorto de Eo dum la Ika-kongresoj kuŝas en viaj manoj, Katolikaj Samideanoj: Partoprenu multnombre kaj vi propagandos Esperanton plej efike!**

## Resumo grava.

**Do, Katolikaj Samideanoj: Vi havas fortan postenon en la bele ekfloranta Ika-movado. Ĉu vi volas forlasi ĉi tiun postenon, kiun ni akiris per tiom da oferoj kaj laboroj, ĝuste nun kiam la movado pli kaj pli altiras la atenton de katolikaro tutmonda?**

Ho ne! Mi estas konvinkita, ke ĉiuj ne nur restos fidelaj grandanime kaj noble, sed eĉ duobligos la laboron!

## Kaj nun la praktika agado?

Post multaj spertoj ni, okaze de la lasta kongreso en Lugano, decidiĝis klare kaj precise reorganizi la Eo-laboron, **kreante specialan memstaran sekcion por Esperanto-laboro interne de Ika:**

Jen la ĉefaj programpunktoj: **Celo:** propagandi Eon kiel tre praktikan ilon modernan por interrilatiĝo kaj kunlaborado internacia de la katolikoj diverslandaj, precipe disvastigi ĝin kaj praktike apliki interne de Ika-movado. **Specialaj taskoj** estas i. a.:

a) organizi efikan propagandon internacian por Eo inter la katolikoj ĉiulandaj, precipe interne de Ika-agado
b) starigi Eo-delegitojn de Ika en ĉiuj landoj, krei specialajn propagando-grupojn aŭ rondojn de Ika por Eo,
c) kunlabori efike je la perfektigo kaj plej granda disvastigo de Katolika Mondo, kiu nepre devas eliri kiel reprezentema granda dusemajna aŭ semajna gazeto,
d) subteni per ĉiuj iloj la internacian eldonejon de Ika, por ke ĝi estu kapabla editi vere indan literaturon katolikan en Esperanto,
e) organizi dum la kongresoj de Ika specialan propagandon por Esperanto,
f) kunlabori amike kun ĉiuj movadoj, kiuj subtenas aŭ propagandas Esperanton en katolikaj rondoj.

**La organiza formo** estas plej simpla: **Membroj** estas
a) individuaj, ĉiuj aliĝintaj katolikaj ge-esperantistoj katolikaj; ili estas samtempe agadaj membroj de Ika,
b) korporaciaj, jam ekzistantaj katolikaj Eo-grupoj aŭ societoj aliĝintaj; kotizo pojara laŭ interkonsento,
c) honoraj membroj: individuoj aŭ organizoj katolikaj, kiuj morale aŭ finance subtenas la katolikan Eo-movadon.

La membroj povas unuiĝi al lokaj grupoj, regionaj aŭ naciaj sekcioj.

**Internacia Konsilantaro:** Konsistanta el po unu reprezentanto de ĉiu lando, kunvenas regule ĉiujare okaze de Ika-kongreso, decidas pri ĉiuj pli gravaj internaj aferoj de la Eo-sekcio de Ika, elektas la ekzekutivan komitaton; la membroj estas proponataj per la naciaj sekcioj kaj elektataj por tri jaroj per la ĝenerala kunsido.

**Ĝenerala kunsido:** konsistas el ĉiuj individuaj membroj kaj reprezentantoj de la korporaciaj. Ĝi kunvenas pojare okaze de Ika-kongreso, minimume po tri jaroj unufoje; ĝi elektas la Internacian Konsilantaron kaj donas direktivojn al ĝi per rezolucioj akceptotaj per simpla plimulto.

**La ekzekutiva komitato** konsistas el 3—7 membroj, el kiuj ĉiam unu devas esti agada kunlaboranto en Centra Oficejo de Ika, kiu samtempe estas Centra sekretariato de Eo-sekcio de Ika. La ekzekutiva komitato direktas iniciate laŭ la statuto kaj la decidoj de Internacia Konsilantaro la tutan movadon, ordigas la financojn, preparas la konferencojn, kontrolas la aferojn de Katolika Mondo ktp.

**Oficiala organo** estas **„Katolika Mondo", deviga** por ĉiu individua membro en unu ekzemplero, por korporaciaj membroj minimume en kvin ekzempleroj, supoze ke ili ne elektas K.M. kiel devigan oficialan organon por siaj membroj.

**Financoj:** La jara kotizo fundamenta estas fiksata ĉiujare per la Internacia Konsilantaro. Kiel provizora fundamenta kotizo por **individuaj** membroj estas fiksata 3 g. m. aŭ 4 sfr., **inkluzive** la jarabonprezon por Katolika Mondo (2 g. m., 3 sfr. por K. M., 1 g. m., 1 sfr. por ĝeneralaj elspezoj). Le ekzekutiva konsilantaro rajtas fiksi specialajn kotizojn por malriĉaj landoj.

Ĉiuj detalaĵoj pri delegitoj, internacia konsilantaro, ĝenerala kunveno, ekzekutiva komitato ktp. estas fiksotaj per Detala Regularo.

## Kaj nun??

Nun la parolo estas ĉe vi! Via tasko estas, karaj samideanoj, labori kun entuziasmo kaj oferemo, kun prudenteco kaj aktiveco, kun senlaca kuraĝo kaj ĉiama primedito, por ke realiĝu sukcese kaj bele tiu vastanima, nobla programo.

## Kio estas Moka?

Precipe ni turnas niajn okulojn al vi, **karegaj junuloj!** De via juna fajro, de via senhalta antaŭenkuro, de via noblanima, forta, altenfluga iniciato ni atendas plej brilajn rezultojn.

Speciala sekcio ekzistas interne de Ika por vi, konata sub la nomo **„Mondjunularo Katolika"** (Moka). Esperanto estas ĝia **oficiala** interrilata lingvo kaj propagandi Esperanton inter la junularo unu de la ĉefaj programpunktoj. Kun granda sukceso ĝi estas gvidata per la bonmeritinta ĉefsekretario Sro Hanns Sappl (München, Isabellastraße 40, Germanio), kiu nur per eksteraj kaŭzoj estas malhelpata labori jam nun en nia Centra Oficejo.

Junuloj ĉiulandaj! Al li sendu tuj viajn adresojn! Kuraĝe antaŭen!

## Finfina konkludo

Katolikaj samideanoj! Giganta tasko atendas nin! La efika enkonduko de Esperanto en la internaciaj rilatoj modernaj de la katolika agado!

**La samideanaro katolika estis ĝis nun forta kaj influa fundamento de la Ika-movado. Ni scias, ke ĝi restos fidela al ĉi tiu nobla tradicio kaj al la universala programo de Ika.**

**Kun Dio ni komencis. Kun Dio ni marŝu antaŭen, entuziasme kiel idealistoj, prudente kiel realistoj, pretaj ĉiam al vere sincera kaj praktika kunlaborado kun ĉiuj samcelaj movadoj. Kuraĝe antaŭen kiel pioniroj de sankta grandioza tasko al la gloro kaj triumfo de la Dia Regno!**

Kasparo Mayr,
Ĉefsekretario de Ika, Zug, Svislando.

---

Al la

## Centra Oficejo de Ika, Esperanto-Sekcio, Zug

Mi aliĝas al Internacio Katolika, Eo-Sekcio kiel individua (korporacia) membro. ..........
Mi per tio abonas „Katolika Mondo" ..........
Mi mendas Eo-lernolibron, -vortaron ..........

Mi aĉetas .......... obligaciojn de Ika-Eldonejo po 20 sfr.
Mi estas preta, fariĝi delegito de Ika por urbo .......... regiono .......... lando
Sendu propagandilojn al la ĉi-kune senditaj adresoj!

Nomo .......... strato ..........
urbo .......... lando ..........

6ᵉ. **La prijuĝado de la moderna milito laŭ la aŭgustino — tomasa doktrino de R. P. Stratmann O. P. Köln**: La milito nur estas permesata, se mankas tribunalo, kiu pace povas solvi la konflikton. La tomasa doktrino postulas 4 kondiĉojn, sub kiuj la milito estas permesata. Aplikante ilin je la modernaj militoj, oni devas konstati, ke la **modernaj militoj inter kristanaj popoloj preskaŭ ĉiam estas malpermesataj** kaj kontraŭmoralaj. (Ĉi tiu interesega raporto aperos pli detale en K. M.)

7ᵉ. **La katolikoj kaj la Ligo de la Nacioj**: de Sro Eppstein, Anglio: La ideo de Ligo de la Nacioj estas jám eltrovata per la grandaj teologoj de la Mezopoko. Hodiaŭ la katolikoj devas sin decidi koncerne la nuna Ligo, kiu sendube ankoraŭ estas tre neperfekta. Malgraŭ ĉio ĝi ankaŭ havas bonajn rezultojn. La katolikoj agade partoprenu je la perfektigo de la Ligo, tamen postulu, ke la ĝusta kontakto estu inter la Sankta Seĝo kaj la Ligo.

8ᵉ. **Naciismo kaj Internaciismo en la lumo de la katolika doktrino** de dro Mack, Luxemburg. Ekzistas nekrista naciismo kaj nekrista internaciismo. Nur la katolika eklezio montras la ĝustan mezuron inter la du devoj. La moderna naciismo estas la plej granda herezo de nia tempo. Ni nepre bezonas „Silabon“ por kondamni ĉi tiujn erarojn kaj severan cenzuron kontraŭ la paganaj doktrinoj ofte legeblaj en katolikaj ĵurnaloj kaj libroj.

9ᵉ. **Plej interesaj estis la tezoj**, kiujn Prof. dro Carbo, Barcelona, prezentis el la plej aktuala verko de Lia episkopa Moŝto Torres y Bagas pri la temo „El Internacionalismo Papal.“ Espereble ni havos okazon pli detale raporti pri tio. Notu ni, ke Prof. Carbó, kvankam li parolas plurajn lingvojn, dum unu semajno lernis Esperanton por la kongreso!

10ᵉ. Plej impresaj estis la plurfojaj alparoladoj **de Msro dro Waitz, episkopo de Feldkirch, Aŭstrio kiu ne nur persone ĉeestis la kongreson, sed per multnombraj admonoj, iniciatoj kaj raportoj mem plej agade kunlaboradis kaj dum la foresto de Msro Bacciarini bonvolis gvidi la honoran prezidantecon de la kongreso.** Ni havos la plezuron liajn paroladojn ĉefajn kune kun tiuj de Msro Bacciarini publikigi en sekvontaj numeroj de K.M.

11ᵉ. Menciataj estu fine la plej interesaj iniciatoj de la „Euharistia Ligo per la paco“, pri kiu raportis R. P. Henrico, Roma, kaj la propono de abato Demulier, Cassel, Francio, la bonmeritinta fondinto de „Correspondence Catholique“ kaj de la internacia paca komunio enkuraĝigata per la Sankta Patro kaj per L. E. M. la Kardinalo Dubois de Parizo.

**La rezolucioj de la ĉefaj konferencoj:**

1ᵉ. La internacia kongreso de Ika, aranĝata en Lugano 15—19a de Augusto, deklaras solene sin submeti ĉiam kaj ĉie senreserve al la eklezia aŭtoritato, kiun nia Sinjoro Jesu-Kristo starigis per la Sankta Patro, la Papo, kaj la episkopoj, kaj obei al ĉiuj ordonoj de la sankta hierarhio. Ĉi tiu solena deklaracio sin rilatas precipe ankaŭ je la iniciatoj kaj decidoj de tiu ĉi kongreso.

2ᵉ. La internacia kongreso aliĝas al la deziroj de 475 Kardinaloj, arhepiskopoj kaj episkopoj por peti la Sanktan Patron, ke Li proklamu solene la suverenajn rajtojn de Jesu-Kristo sur la homara societo, enkondukante liturgian feston en la tuta eklezio: la festo de universala socia regno de Kristo.

3ᵉ. La kongreso renovigas la inviton al la katolikoj de la tuta mondo, ke ili ĉiujare per speciala pacofesto kun preĝo, ofero kaj propagando festu la memortagon de la publikigo de l' enciklikо „Ubi arcano Dei“.

4ᵉ. La kongreso petas en frata amo la katolikojn de la tuta mondo, energie kunhelpi al la realigo de la kristana paco, precipe:

a) neniam uzi vorton en paroladoj, presaĵoj aŭ gazetoj, kiu enhavas malamon aŭ ofendon kontraŭ aliaj personoj aŭ popoloj.

b) neniam kondamni iun popolon ĝenerale aŭ entute.

c) neniam legi aŭ subteni librojn, revuojn aŭ gazetojn, kiuj disvastigas malkristan ŝovinismon.

5ᵉ. La kongreso akcentuas la devon de la katolikoj, ke ili en la reciprokaj rilatoj inter la ŝtatoj apliku la katolikajn principojn de la internacia juro.

Pro tio la kongreso esprimas la opinion, ke la katolikoj uzu sian influon ĉe la registaroj de siaj landoj, ke ili apliku tiujn ĉi ilojn por realigo de la kristana juro internacia, al kiuj la plimulto sin jam solene devigis: nome la organojn kaj instituciojn de la Ligo de la Nacioj — kvankam ĝi estas nuntempe plej neperfekta — kaj ke ili kunlaboru al ĝia plenperfekteco.

La kongreso precipe ankaŭ deziras, ke la Ligo de la Nacioj sin direktu al la Sankta Seĝo Apostola en ĉiuj demandoj, kiuj apartenas al la kompetenco de la Sankta Patro, precipe koncerne la klarigon kaj aplikon de la principoj pri la internacia moralo aŭ juŝteco kaj en ĉiuj internaciaj helporganizoj por subteno de suferantaj popoloj.

6ᵉ. La kongreso salutas la kreon de Internacia Katolika Eldonejo de Ika, kiu havas la taskon, eldoni kaj peradi en diversaj lingvoj internaciajn verkojn kaj traktadojn pri la rilatoj reciprokaj de la popoloj kaj pri internaciaj taskoj modernaj de la katolikaro.

7ᵉ. La kongreso rekomendas la Euharistian pacan ligon, kreata en la Basiliko Sta Mária Maggiore en Romo, kaj la internacian porpacan komunion monatan, organizata per francaj kaj germanaj pacamikoj.

**Pri ĉiuj aliaj konferencoj, decidoj, rezolucioj, raportoj ni reportos en sekvonta numero.**

## Rimarko

Pro la specialaj aŭstraj leĝoj estas necesa, ke aŭstra ŝtatano subsignu kiel responda redaktoro. Ĝis kiam ni trovos alian solvon, do provizore subsignas Sr. Killer el Graz. Kompreneble tiu laŭleĝe necesa subsigno ne ŝanĝas la gvidadon kaj redaktorecon de K.M.

Kasparo Mayr,
Ĉefsekretario de Ika, Zug.

## Parolado de Lia Kardinalo Moŝto Piffl de Wien pri Esperanto

Okaze de nniversala kongreso en Wien estas aranĝata katolika kongreso kun bona sukceso. Plej interesa estis la enkuraĝiĉaj vortoj de L. K. M. Piffl de Wien por Esperanto, el kiu ni citas jenon laŭ la oficiala kongresa bulteno, tradukite en Eo:

„ . . . Mi ja ne devas certigi, ke mi volonte venis hodiaŭ al la kunsido de la kongreso, ĉar mi scias alte taksi la valoron de la mondlingvo Esperanto; speciale pro konsidero de la cirkonstancoj de nia nuntempo, kiuj tiom bezonegas amon kaj konfidon, tempo, kiu havas la gravan taskon krei konfidon inter la popoloj. De konfido al amo estas nur unu paŝo. Estigi ĉi tiun amon kaj konfidon estas tasko de la katolikoj de la tuta terrondo . . . En neniu alia eklezio la juvelo de l' unuleco eklumas tiel noble kiel en la katolika eklezio. Al tio krome nun venu la komuna ligilo de komuna lingvo interkomunika. Estimon kaj riverencon al la gepatra lingvo! Sed en la nuna tempo, kiu interligu, ni bezonas mondlingvon kaj tiu ĉi estu Esperanto! (Tondra aplaŭdo!)

Antaŭ ne longe mi revenis el Amsterdam, kie mi partoprenis la eŭkaristian kongreson. Por ebligi al kiel eble plej multaj personoj la partoprenadon spiritan en tiu imponega kongreso, oni uzis la plej modernan ilon, la laŭtparolilon, kiu komprenigu al 40—50 000 kongresanoj eĉ tre mallaŭte diritajn paroladojn, kiu ankaŭ ebligis, ke per tiu moderna elpensaĵo estis komprenataj ĉiuj paroladoj diritaj en la stadiono . . . Tiam mi havis la deziron, ke kiel ĉi tie, ĉe ĉiuj internaciaj kunvenoj estu parolata Esperanto, ĉar se tiam la internacia karaktero de l' kongreso esprimiĝis per tio, ke oni parolis en plej diversaj lingvoj, tiu ĉi internacia karaktero estis pli bone akcentata se ĉiuj parolis unu saman lingvon, Esperanton . . .“

Laŭ informoj en la laborkunsidoj oni pritraktis i. a. la problemon de la traduko de la Sanktaj Skriboj. Plue oni proponis en ĉiuj pli grandaj urboj serĉi pastrojn, kiuj donus okazon al la vojaĝantaj Esperantistoj viziti Diservon kaj konfesi. Oni ankaŭ decidis pri petskribo al Romo por beatigo de Papo Pio Xᵃ.

**Tuteŭropa federacio de la radikalaj partioj**: Tute en silento kreiĝis fine de Aŭgusto en Ĝenevo sub la prezido de Ferd. Buisson kaj de dana deputato Berensen internacia federacio de la radikalaj partioj de Eŭropo laŭ ĉefa iniciato de la nuna radikala partio de Francio. La konferenco aprobis provizore la de ĝi ellaboratan projekton kaj tuj starigis komisionon por definitiva statuto. La gazetoj ne diras la fincelon de tiu ĉi federacio. Tamen ĝi estas facile trovebla, se oni pripensas, ke la radikalaj partioj estas ĉefe la politikaj organoj de la loĝiaro framasona . . . Ĉu la katolikoj komprenos la situacion?

**La grandaj katolikaj kunvenoj en Eŭropo**: La granda reviviĝo de la katolikismo en Eŭropo videbliĝas en la imponaj naciaj kongresoj, kiuj nun okazas preske en ĉiuj eŭropaj landoj: Ni nur mencias tie plurajn sen aldoni detalajojn.

**Litovujo**: 1-3ᵃ de Julio okazis en Kowno la tutnacia kongreso kun partoprenado de ĉiuj episkopoj kaj granda popolamaso.

**Francio**: 1-3ᵃ de Aŭg., grandega „Sociala Semajno“ en Rennes, kiu precipe studadis la problemon agraran kaj la socian helpon al la kamporanoj „La katolikismo kaj la agrara problemo“, tre aktuala temo por regajni la kamparanan loĝantaron al pli profunda kompreno de la katolikismo.

**La ĉi kuna propaganda folio estas mendebla ĉe Centra Oficejo**

**Svislando**: 9-12ᵃ de Aŭgusto: imponega kongreso en la „kalvina“ urbo de Basel, pli ol 30 000 partoprenantoj.

**Ĉeĥoslovakio**: 30ᵃ Aŭg. en Brno (Moravio) depost 30 jaroj la unua tutnacia kongreso kun brila sukceso. Ĉefaj temoj: la defendo kontraŭ la unuigitaj atakoj teruraj de liberpensuloj, framasonoj kaj Komunismo. Rimarkinda estis precipe la partopreno de granda grupo de katolikaj instruistoj. La 24-26ᵃ okazis ankaŭ imponega eŭkaristia kongreso slovaka en Bratislava.

**Germanio**: La granda „Katholikentag“ kun devizo „reen al eklezio“ plej bele sukcesis en Hannover. Interesega estis la parolado de princo de Löwenstein, pri la paco de Kristo, kaj la postulo, ke la Papo estu dece aŭdata en la Ligo de la Nacioj. Memoru, ke similaj rezolucioj estas eldonataj per la Eŭkaristia kongreso de Amsterdam kaj la kongreso de Lugano, kaj ni vidas, ke la simpatioj de la katolikoj por la Ligo marŝas antaŭen.

**Polio**: Okazis tutnacia kunveno 9ᵃ de Sept. en Katowice, sub prezido de L. K. M. Dalbor kaj partopreno de multaj episkopoj.

**Jugoslavio**: En Ossjik, ĉefurbo de Slovenio, estas preparata samtempe Eŭkaristia kongreso, kiu per partoprenado de ĉiuj episkopoj kaj pli ol 30 000 kongresistoj estiĝis vere impona nacia kongreso.

**Italio**: Meze de Septembro okazas granda Sociala Semajno en Turino kun plej bela sukceso. Detalega letero de la Papo al Com. Colombo, prezidanto de la Centra Komitato Katolika itala rekomendas la profundan studadon de la katolikaj sociaj doktrinoj . . ! Jes la katolika eklezio reekfloras en Eŭropo. Ke oni pli kaj pli rekonu ankaŭ la internaciajn devojn! Tiurilate estis grava la „Pax Romana“ kongreso en Budapest 20-24ᵃ Aŭg. por la internaciaj laboroj de la studentoj.

**La katolika misio en Asio**: Laŭ fidinda statistiko la nombro de la Katolikoj en tuta Asio estas jena:

| | |
|---|---|
| Britaj kolonioj | 2 680 000 |
| Francaj kolonioj | 1 200 000 |
| Ĥinio | 2 208 000 |
| Japanio | 84 000 |
| Koreo | 95 000 |
| Portugalaj kolonioj | 300 000 |
| Persio, Sirio | 585 000 |
| Palestino | 28 000 |
| Irak | 17 000 |
| | 7 179 000 |

Do malmultega aro inter la centmilionoj da loĝantoj!!

Bedaŭre oni ne diskutis pri la gravaj proponoj de la Grand-Essena Ika-grupo kaj de Ika mem pri la kunlaborado efika inter Ika kaj IKUE, Tiuj proponoj, kiujn ni laŭeble publikigos en sekvonta numero, precipe alceladis la starigon de speziala komisiono por prepari la kunlaboradon kaj la eldonon de unu granda komuna reprezenta organo. — — Bedaŭre nia oficiala reprezentanto, nia kara frato Prof. Carolfi, sen rezulto devis forlasi Vienon.

Ni petas ĉiujn amikojn, publikigi la gravan paroladon de L. K. M. Pifffl en la gazetoj katolikaj por subteni la Eº movadon.

**La unua ĉuthina koncilio:** okazis fine de Majo en Ŝanghaj sub la prezido de la Msro Constantini kaj ĉeestado de 50 episkopoj kaj multnombraj misiistoj. La traktadoj koncernis la feliĉan disvastigon de la Katolika misio. Partoprenis multaj indiĝenaj pastroj.

**Katolika Universitato** en Peking estos organizata per la usonaj benediktanoj. Ĝis nun nur ekzistas unu katolika universitato la „Aŭrora" en Ŝanghai, gvidata sukcese per la jesuitoj, dum la protestantaj misioj havas 8 universitatojn.

# Recenzejo.

## Esperanto-literaturo.

**Por recenzo estu sendataj du ekzempleroj.**

**Almanako de la tutmonda Ligo Polica, eld. „La Policisto", Budapest, 0,50 dol.**

**Ni nur povas gratuli al tiu perfekta unua jarlibro, redaktita de A. H. de Marich, de la polica ligo! Vera dokumento serioze, ke la movado marŝas antaŭen malgre la kverelegoj de la pesimistoj. La almanako ilustrita, 200 paĝa, enhavas la adresojn de ĉiuj ligmembroj.**

**La Sendanĝereco de Francujo, de Andrè Honorat, Paris, L'idée françise á l'étranger, 11 Place de la bourse.**

**Post la interesaj diskutadoj en Ĝenevo pri la senarmiĝo kaj sekureco tiu ĉi libro ne plu bezonas rekomendon. Ĉar ĝi traktas pri la ĉefa problemo de la paco en Eŭropo, la sekureco de Francio. Se oni sukcesas solvi tiun problemon, la vojo estas malferma al la unuigitaj ŝtatoj de Eŭropo. La libro defendas la francan vidpunkton. La vorto „sendanĝereco, ŝajnas al mi iom komplika kaj malklara; mi multe preferus sekureco.**

**El la Biblio, elektiktaj ĉapitroj de L. L. Zamenhof, Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin, Wilmstraße 5, 0,30 G.-M.**

**Ĉi tiu elektitaj ĉapitroj el la malnova Testamento estas laŭ la konata Zamenhofa traduko. Certe la tradukoj de Zamenhof meritas atenton ĉe la eldono de katolika Biblio.**

**Elkazaj legendoj, trad. Charlotte Pulvers, sama eldonejo, sama prezo.**

**Ĉarmegaj legendoj en bona flua stilo.**

**Don Kiĥoto de Dom M. de Cervantes, 5 ĉapitroj, trad. Pujalá y Vallés, sama eldonejo, 0,30 G.-M.**

**La dolĉa Don Kiĥoto en Esperanto-vestaĵo! Kvin ĉapitroj plenaj de ĉarmoj.**

## Internacia literaturo.

**Eŭrope, où vas-tu? de Lèon Jourdain, Fragniére Frères, Editeurs, Fribourg, Suisse.**

**Eŭropo, kien vi iras? Interesega demando, traktata per belga katoliko. Traleginte ĝin mi havis la impreson: finfine katoliko parolas katolike pri la problemo de militkulpo, kaj ĉiuj aldonaj problemoj (la serbo-aŭstra konflikto, militdeklaro, invado en Belgion, la politiko ententa ktp.), kiuj ĝis nun tute disunuigis la francajn kaj germanajn katolikojn. Kiel ajn oni pensu pri tiu aŭ tiu ĉi demando, mia modesta opinio estas, ke ĉi tiu libro estas la plej objektiva, kiu ne akuzas, kaj ne kondamnas, sed volas komprenigi la problemojn el la tuta situacio mondpolitika. Dezirindege estus, ke flanke de la germanaj katolikoj aperus simila libro, kiu laŭ katolika vidpunkto (ne laŭ politika) traktus la problemojn kaj psikologie klopodas kompreni la pensojn kaj agadojn de la franca politiko. Certe nur sur ĉi tiu katolika vojo, kiu ne akuzas, ne kondamnas, sed komprenas kaj pardonas kompleta repaciĝo inter la ambaŭnaciaj katolikoj rapide estos ebla. Sen decidi ĉu ĉiuj en la libro klarigataj solvoj estas ĝustaj, mi ĝin tamen rekomendas por profunda studado al ĉiu katolika samideano franca kaj germana. K. M.**

## Ĉiu katolika Esperantisto aliĝas al Ika

# Internacia poŝto

**Al multaj: K. M. por 1925. Certe nia gazeto eliros regule monate dum la sekvonta jaro. La ĝenerala situacio financa en Europo nun permesas pli bonan kalkuladon kaj regulajn enspezojn. La abonprezo, nun tro modesta, iom devas esti altigata por garantii la ekzistadon de la gazeto! La adresaro pro financaj kaŭzoj kaj aliaj neŝanĝeblaj cirkonstancoj ne povis eliri.**

**Nederlandano. Bone ni legis la artikolon en „Ons Norden". Certe la „agadoj" estas la plej bona defendo, kaj la redaktoro lerte uzis tion ĉi ilon. Ni fidas je la triumfo de la vereco.**

**I. K.-ano. Vi estas tute prava. Egoismoj ĉiam blindigas la homojn; tio estas la natura puno de la egoismo. Lerta moralisto diris, ke la konscienco de ĉiu homo estas „kripiulo", baldaŭ mankas okulo baldaŭ piedo aŭ brako . . . Tial ofte bonvolaj homoj — nenie — agas tute nekompreneble, kaj faras la kontraŭon de tio, kion ili diras . . . Momente ĉiu kunlaborado estas rifuzita bedaŭre. Do ni marŝu antaŭen, konfidante je Dio! Se ni nur neniam forlasas la katolikan vojon, Dio ne forlasos nin!**

**Ruinoj: Ho jes! Mi sendis respondon persone, kiel vi legis. Tamen la redakcio ĝin rifuzis kontraŭe al la ĝenerala ĵurnalista honesteco. La legantaro ja nur devas scii tion, kio ŝajne estas kontraŭ ni, tute ne kion ni efike faris! En ĉi tio ja konsistas la justeco! — Se ni silentis ĝis nun pri ĉio, ni tion nur faris pro la paco „kiun ni ne nur volas per belaj vortoj (tiom malmultekostaj!), sed per la agadoj. La silento tamen tute ne signifas konsenton. Atendu ni!**





# Naciaj abonejoj de K. M.

Por faciligi la abonpagon ni sciigas naciajn abonejojn. Abonintoj el nenomitaj ŝtatoj plej bone pagu per enskribita letero al K. M., Zŭg, Svislando.

## Abonejoj.

**Anglio:** Mr. J. E. Hookham, 45 Holmesdale Road, Hampton Wick, Middlesex.

**Aŭstralio:** Fino Maud Helm, 22 Falconer str., Fitzroy, Melbourne.

**Aŭstrio:** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko; elpetu poŝtpagilojn!

**Belgio:** Fino J. Assenmacher, 50 rue des Minières, Verviers.

**Brazilio kaj tuta Sudameriko:** Sro Conto Fernandez, 225 Larangeiras, Rio de Janeiro.

**Ĉeĥoslovakio:** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per Sro Fr. Buhr, Praha-Brevnov 257.

**Francio:** Sro Pierre J. A. Muffang, 14 bis avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine (Compte de chèques postaux, Paris 22.482).

**Germanio:** Oni pagu per nia poŝtkonto 30.578, Breslaŭ (Kaspar Mayr, Graz).

**Hispanio:** Prof. Mariano Mojado, Abascal 13, Pral A, Madrid.

**Italio:** Prof. Modesto Carolfi, Cortemaggiore, Piacenza.

**Jugoslavio:** Pro Ambr. Benkovič, Zagreb, poŝtfako 109.

**Litovujo:** Sro Maĉernis, Ukmergas plentas 45, Kaŭnas.

**Rumanio:** Esperanto-Centro Rumana, Alea Suter 19, Bucuresti.

**Usono:** Sro F. J. Kovarik, 2502 SO., Kedzie Av. Chicago, Hl.

| Lando | Jarabono kun R. K. | Ika-kotizo sen K. M. | Ika-kotizo kun K. M. |
|---|---|---|---|
| Anglio . . . . / Aŭstralio . . . | 3 ŝl. | 2 ŝl. | 4 ŝl. |
| Argentino . . . | 2 pes. or. | 2 pes. or. | 3 pes. or. |
| Aŭstrio . . . . | 16.000 kr. | 16.000 kr. | 28.000 kr. |
| Belgio . . . . / Luksemburgo . | 8 b. fr. | 5 b. fr. | 10 b. fr. |
| Brazilio . . . . | 3 mr. | 2 mr. | 4 mr. |
| Ĉeĥoslovakio . | 12 ĉ. kr. | 10 ĉ. kr. | 16 ĉ. kr. |
| Danio . . . . | 3 kr. | 2 kr. | 4 kr. |
| Francio . . . | 6 fr. fr. | 5 fr. fr. | 10 fr. fr. |
| Germanio . . | 1·20 o. m. | 1·20 o. m. | 2 o. m. |
| Hispanio . . . | 3 pes. | 3 pes. | 5 pes. |
| Hungario . . . | 1·20 o. kr. | 1·20 o. kr. | 2 o. kr. |
| Italio . . . . . | 6 l. | 6 l. | 10. l. |
| Jugoslavio . . | 25 din. | 20 din. | 36 din. |
| Litovio . . . . | 4 lid. | 4 lid. | 6 lid. |
| Nederlando . . | 1·50 fl. | 1·50 fl. | 2 fl. |
| Polio . . . . . | 1·20 zl. | 1·20 zl. | 2 zl. |
| Rumanio . . . | 40 lev. | 30 lev. | 50 lev. |
| Svisio . . . . | 3 fr. | 2 fr. | 4 fr. |
| Usono . . . . | —·75 d | —·50 d | 1 d. |

Rimarko. En landoj, kie ne ekzistas ankoraŭ nova ora monbileto (Hungario, Polio ktp.) oni sendu monbiletojn kurantajn laŭ la taga kurzo. Por landoj, kies monvaloroj malplialtiĝos, ni devas plialtigi pli poste la prezojn.



Posedanto kaj Eldonisto: „Ika", Zug, Svisio. — Responda Redaktoro: H. Killer, Graz, Aŭstrio — Presejo: Paŭlus-Presistejo, Graz, Karmeliterplatz 5.